# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj**

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 06/04/2016 Ducentsesdekkvara eldono 06/04/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Marcel Leereveld**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Estas pli ol **351,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

# 117. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## F a r i v o r t o j n . B.

Farante novajn vortojn, kiuj jam aŭ ankoraŭ ne ekzistas, oni kompreneble devas obei kelkajn necesajn regulojn, ĉu ĝenerallingvajn ĉu specife Esperantajn. Ni poste ekzamenos tiujn, sed por la lingvo estas necesa, ke ni unue sciu, kiujn vortradikojn uzi por novaj kunmetitaj vortoj. Ja Esperanto fariĝus alia lingvo, se ni ne uzus la de Zamenhof kreitan bazan vortaron. Ni nomas tiun vortaron la Fundamento de Esperanto, kiu enhavas ankaŭ dek-ses gramatikajn regulojn, kaj multajn ekzemplojn, kaj kiun Fundamenton ni ne rajtas ŝanĝi. Konsekvence ni do povas fari novajn vortojn nur uzante kaj kunmetante la radikojn en la Fundamento.

Sed kiuj estas tiuj oficialaj radikoj? Nu, ĉiu bona vortaro indikas, kiuj estas la oficialaj radikoj kaj kiuj estas neoficialaj proponoj, kiujn lastajn ni ne uzu ĉar se ni kreus novajn vortojn el tiuj proponitaj, ankaŭ niaj novaj vortoj estus neoficialaj, kaj ĝenerale ne uzindaj. Malgranda grupo de tiuj proponitaj vortradikoj, precipe teĥnikaj , kutime estas poste oficialigata, kaj la resto de la fremdaj vortoj estas anstataŭigata de kunmetaĵoj de oficialaj radikoj. Ekzemple "haste" nun estas "(tro) rapideme". Daŭrigota. Marcel Leereveld.

# la trilanda kongreso




Multaj fotoj kaj informoj pri la trilanda kongreso en la reto!
Kaj jen la 3a filmeto de Richard pri la kongreso
Amike, Nicole Else

https://www.youtube.com/watch?v=XFsXVIsQde4







## 2-a de Aprilo:**Monda Tago por Atentigo pri Aŭtismo**



Ĉu vi havas bonan konon pri kio estas Aŭtismo? Por atentigi la mondan loĝantaron pri tiu speco de perturbo, kiu influas la korpan, socialan kaj parolan kapablojn ĉe homo, Unuiĝintaj Nacioj starigis tiun tagon en Decembro de 2007.
Kiel helpo al diskonigado de tiu grava tago ĉe ĉiuj sektoroj de la homa scio, la verkisto Paiva Netto aperigis en sia blogo klarigan artikolon pri la afero. Jen ĝia atingebleco per klako sur la malsupra titolo: Aŭtismo kaj defioj al inkluzivado

El la centra sidejo de Legio de Bona Volo (LBV), fratinece, sukcesodezire, Maria Aparecida da Silva

# Pli pri geografiaj nomoj en Esperanto (A.E. 262)

Respondoj al Vera kaj Terry.



Vera kaj Terry deziras scii pli pri geografiaj nomoj en Esperanto.
Vera opinias, ke la plej alta instanco, la Akademio, sendube eldonis oficialan liston. Jes, ĝi eldonis liston antaŭ kelkaj jaroj, sed ne oficialan, sed nur kiel rekomendon. La plej multaj geografiaj nomoj ankoraŭ ne estas oficialigitaj, kaj estas nur proponoj de diversaj Esp.istoj. Tial Franciska pravas responde demandi al Vera "Ĝuste laŭ kies vidpunkto?". Ŝi kaj Vera kaj Terry kaj mi povas kaj rajtas proponi kaj uzi iun ajn malsaman vorton, kaj se la Esp.aro akceptas ilin, fine la Akad. oficialigos ilin.

Vera povas trovi la liston de rekomendoj de la Akad. Mi iam vidis ĝin, sed forĵetis ĝin, ĉar la nomoj ofte, ne kelkfoje sed ofte, estas stultaj imitoj de eŭroplingvaj nomoj kaj tute ne

Esperantecaj, ne laŭ la reguloj kaj spirito de Esperanto. La Ak.-anoj ja konsistas tre grandparte el membroj lingvisme nekompetentaj por juĝi nian lingvon. Mi plurfoje rimarkis, ke eĉ la kelkaj profesiaj lingvistoj inter ili ne sufiĉe kompetentas pri la strukturo kaj gramatiko de Esp.to. Do mi ne obeas iliajn rekomendojn. Mi devas akcepti iliajn oficialaĵojn, sed evitas ilin, kiam tiuj estas malĝustaj, kiel okazas.

Do, Terry, se ci volas trovi pli akcepteblan vorton por Njusawzvelso, kreu ĝin kaj uzu ĝin, kaj eble aliaj akceptos ĝin. Sed mi dubas, ĉar Esp.o havas nur 28 sonojn kaj do estos malfacila, reprezentigi ĉiujn anglajn sonojn.

Marcel Leereveld.



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Kunvenis Sabato 2 Aprilo. Venis Roger Springer, Chris Holliss, John Casey kaj Jano Wylles.



## Esperanto-Domo Sidnejo



Anoj kunvenas la unuan dimanĉon de ĉiu monato 13:00

Aferkunveno antaŭe je 11:00. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

Kunvenis Dimanĉo 3 Aprilo. Venis 14. Roger Springer, Robert Bain, Nicole Else, Jonathan Cooper, Jano Wylles, Dmitry Lushnikov, Volo Gueltling, Andrew Spannenberg, Benjamin Franklin, Adam Levy, Steve Garamy, Kiah Morante, Richard Delamore kaj Lachlan Thomas.

Ankaŭ stratpreterpasantulo envenis dum unu horo.

Jonathan profesie regis la ĉe estantojn per sia parolo pri la estonto de Esperanta varbado.

## Nova speco da kunveno ĉe Esperanto-Domo



16a de April, sabato, 6ptm, Venu kaj ĝuu muzikon, picon ka novajn amikojn!

## Vortpluformado (daŭrigo). (3)



Ĉiuj dek menciitaj specoj de vortformado estas aglutinaj, ne ekzistantaj en neaglutinaj lingvoj kiaj la franca. En Esperanto la vortformadoj neaglutinaj estas la veraj prefiksoj (bo, eks, ge, mal, pra, pseŭdo), la veraj sufiksoj (aĉ, eg, et, um, obl, on, op, poe, ĉj, nj), parto de la numeraloj (dek-kvar kaj mil-cent), kaj la adiciaj kombinaĵoj (angla-franca (vortaro), sekretario-kasisto). Ĉe la du unuaj la lastaj eĉ ne povas nomiĝi vortkunmetoj, ĉar interestas streketo; ili simple estas vortkombinaĵoj.

Ni memoru, ke teorie aglutineco malpermesas la kunmetojn de substantivo kun sia adjektivo kaj de verbo kun sia adverbo aŭ kun sia objekto (pro manko de la necesa specialeco). Sed tiu malpermeso ne validas tuj kiam oni alikategoriigas aŭ derivas la vorton: ne eblas bonkvalito nek altsalti nek fiŝmanĝi sed tre eblas bonkvalita kaj altsaltigi kaj fiŝmanĝulo.

En etnaj lingvoj oni kelkfoje uzas esceptojn al la regulo, ke aglutina kunmeto ne havu infiksojn, ekzemple la germana Blumenladen kaj la nederlanda pereboom. Pro tio, kaj pro manko de scio, multaj Esperantistoj (inkluzive de Zamenhof) malobeas ĉi tiun regulon kaj uzas la kategoriajn finaĵojn, ekz. multedona kaj blankadoma. Ne ekzistas bezono por tio. Eĉ tre evitinda estas havi la akuzativan -n interne de vorto, kiel sinteno kaj sinmortigi, Ili nepre estu siteno kaj simortigo. Zamenhof diris, ke ni uzu, se ni volas, la nenion signifantan literon -o- inter du partoj de kunmetaĵo, do multodona kaj blankodoma, nur pro kosmetikaj tialoj.

La kategoriaj finaĵoj o, i, a, kaj e kaj la verbfinaĵoj nur teorie apartenas al la vortkunmetado, ĉar ili estas nur parte radikoj: ili ja ne povas uzati kun kategoria finaĵo nek en aliaj lokoj ol je la fino de alia radiko. Sed je la fino de vorto ili agas kiel aglutina radiko.

Marcel Leereveld.

# Funebra Solenaĵo en Perth



Stan Landquist, edzo de pasintece aktiva Okcident-Australia Esperantistino Shirley, mortis la 13-an de marto 2016. Lian kremaci-ceremonion ĉe Karrakatta, je la 23-a de marto, ĉeestis kvin ELOA anoj.

Ili estis: Vic-Prezidanto John Massam, Kasisto Ron Cameron, Dum-vivaj anoj Owen Loneragan kaj Vera Payne, kaj S-ino Bernie Thomas. Prezidanto Shirley Gradussov, Sekretario Trish O'Connor kaj Joan Massam bedaŭrinde ne povis ĉeesti.

S-ro Landquist komencis la vivon en York, O.A., soldatservis en Bombaviadila Komando dum la Dua Mondmilito, iam estis aŭstralia globludo-ĉampiono kaj, kiel amanta patro, estis ege respektita de siaj filoj Kim kaj Graeme.

S-ro Landquist suferis apopleksion antaŭ du jaroj, kaj Shirley estis lia prizorgantino ĝis lia forpaso.

Niajn kondolencojn al la tuta familio. Informis John Massam

# Trevor donis prelegon

**Aranĝis Paul Desailly**

Antaŭ ĉio, mi volas atentigi etan ion pri la foto en kiu mia 12 jara filo sidiĝas apud sia grizhara paĉjo: Eddie tute ne huas al la preleganto. Male, la etoso estis serena! Temas pri optik-iluzio tiu foto, kara

Katja! La prelegejo modernega! La gastiganto, (t.e. la estro de Biblioteko Woodcrof) tiom apreza ke ŝi volonte provizis bongustaĵojn tie kaj samloke provizos senpage kursejon por la kvar novaj kursanoj; Bridget eĉ intencas mem eklerneti la zamenhofan lingvon. Trevor kun elano (pardonon Marcel pro tiu franca neologismo) saĝe kaj sperte dissemis pri la Movado kaj ankaŭ pri ties porpacaj kaj neutralaj idealoj; eĉ restis tempo por interŝanĝo de ideoj kaj eta leciono de nia kara kaj dediĉita samideano,Trevoro.

Inter la proksimume du dek partoprenantoj vidiĝis Gordon Coleman, mem estas profesia instruisto, kiu anoncis sian malavaran planon ankoraŭ foje starigi Vintran Kursaron ĉe Sheidow Park Primary School okaze de la tri taga semajnfino por festi la naskiĝtagon de nia reĝino, Elizabeth la Dua. Dankojn ankaŭ al Giselle kies amikeco kun Bridget multe helpis por efektivigi ĉi ĉion.

Pro tio ke post du semajnoj Eddie kaj Amo (mia ses jara filo) kaj mi vizitos miajn fratinojn en Kanbero kaj Melburno kaj pro tio ke mi bezonas iom da tempo por inviti aldonajn 'viktimojn' al la Woodcroft-a kurso por komencantoj mi intencas ĉe Woodcroft komenci instruadon je la fino de Aprilo 2016.

Amike Paulo Desailly (UEA fakdelegito pri Bahaismo, vd. paĝon 101 de Jarlibro 2015)











